33a KONGRESO DE LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO (IFEF) EN REGENSBURG (FR Germanujo) 15a - 21a de Majo 81

Kongresadreso: 33a IFEF-kongreso
Wiener Str. 121, D-6000 Frankfurt
(M) 70 - Tel (0611) 65 73 65

Kongresejo:
Kolpinghaus St. Erhard, Adolph-Kolpingstr.1, D-8400 Regensburg

Aliĝo:
La aliĝilo estu sendata al la peranto de la landa sekcio aŭ al kongresadreso. Samtempe oni ĝiru minimume la kongreskotizon al Wilhelm Grass, Sonderkonto, Sachsenstr. 7, D-8620 Lichtenfels, poŝtĉekkonto n-ro 240 001-855. Postscheckamt Nürnberg, Bankleitzahl 760 100 85. LKK konfirmas la aliĝon kaj sendos la kongreskarton, kies prezento post la alveno en la kongresejo permesas la elliveron de la kongresdokumentoj.

| Kongreskotizoj ekde 1.2.1981 | GM |
|---|---|
| Kongresano IFEF-membro (ankaŭ emeritulo) | 92;- |
| Familiano Junul(in)o malpli ol 20 jaroj | 46,- |
| Kongresano ne IFEF-membro | 99,- |
| Simpatianto minimume (ricevas la kongresmaterialon) | 20,- |
| Ekskurso A duontaga Walhalla/Falkenstein inkl. de kafo/kuko | 16,- |
| Ekskurso B tuttaga (Passau) inkl. de ŝipveturo sur Danubo kaj tagmanĝo | 38,- |
| Ekskurso C duontaga (monaĥejo Weltenburg,Kelheim inkl. de loke kutima lunĉo) | 25,- |

RADIOAMATORA SENDSTACIO

En la 33a IFEF-kongreso okazos la unuan fojon, ke en la kongresejo laboras kurtonda stacio de la FIRAC-radioamatoroj, aŭdebla en la tuta mondo. FIRAC = Federacio Internacia de Radioamatoroj Fervojistaj. Tio estas la rezulto de sukcesplena kunlaboro inter FIRAC kaj IFEF.

NIA KONGRES-URBO: R E G E N S B U R G

Regensburg estas neesploreble malnovega. La favora situo de la urbo apud la plej norda flupunkto de la riverego Danubo, tie kie ĝi akceptas kvar flankriverojn Regen, Laaber, Naab kaj Altmühl, estas la kaŭso kial ĝuste ĉe Regensburg troveblas postsignoj el ĉiuj kulturoj de post ses mil jaroj, do eĉ el la ŝtonepoko.
La vidindaĵoj de Regensburg estas tiom multnombraj, ke oni nomas la urbon neesplorebla; 25 konservitaj historiaj preĝejoj kaj kapeloj; la pordego-restaĵo Porta Praetoria el 179 p. Kr., la norda enirejo al la Romana fortikaĵo; aparte vidindas la urbomuregoj, precipe ties lastatempaj elfosaĵoj sub la preĝejo Niedermünsterkirche; la abatejo de Sankta Emeramo, fondita en la 5a jarcento; la "Skota Preĝejo" de

Sankta Jakobo kun sia fama pordego el 1200; la turdomoj de la patricioj el la 13a kaj 14a jarcentoj; la Malnova Urbodomo kun la salonego de la Konstanta Regna Parlamento, kun juĝejo.- Oni povas promenante trapasi du mil jarojn historiajn dum du horoj, sed pli rekomendindas uzi du tagojn, kaj se oni dediĉas du semajnojn, oni ĉiam ankoraŭ trovos ion vidindan.

De Regensburg oni rapide atingas la mezaltajn montarojn Bavara Arbaro, Juraso kaj Supra Palatinato, same la Danubo-regionon Malsupra Bavario. Ekskursoj al la kvarangula grekstila templo "Walhalla" kun marmorbustoj de famaj Germanoj, kaj al la ronda grekstila templo "Befreiugshalle", starigita memore al la liberiga milito de 1813, estas tre rekomendindaj.

En la kongresejo de la 33-a IFEF-kongreso, merkredon la 20-an de majo funkcios speciala giĉeto de la poŝto, kiu vendas poŝtmarkojn kaj uzas specialan kongresstampon, kiun ni jen prezentas al vi.




ADRESO:
Ekde la 13a gis la 21a de Majo 1981 la adreso estos: 33a IFEF-Kongreso, Kolping-haus, Adolph-Kolping-Strasse 1, D-8400 Regensburg.

INFORMEJO: En la ĉefstacidomo de Regensburg funkcios informejo.

---

52a KONGRESO DE ITALA ESPERANTO-FEDERACIO

ROMO - 19/24 septembro 1981

(sub la alta protektado de la parlamenta grupo) "Amikoj de Esperanto"

Temo de la kongreso: E S P E R A N T O - E U R O P O

| KONGRESKOTIZOJ | ĝis 30/4/1981 | post 30/4/1981 |
|---|---|---|
| Kongresano | Liroj 15.000 | 20.000 |
| Familiano | 7.500 | 10.000 |
| Junul(in)o ĝis 25 jaroj | 7.000 | 10.000 |

PROVIZORA PROGRAMO

| | | |
|---|---|---|
| je sabato 19/9 | | alveno de la kongresanoj |
| dimanĉo 20 | | kongreslaboroj de Itala Esperanto-Federacio. por la eksterlandanoj: ebleco de ekskursoj |
| lundo 21 | | kongreslaboroj de Itala Esperanto-Federacio. por la eksterlandanoj : ebleco de ekskursoj |
| | vespere | teatraĵo en Esperanto |
| mardo 22 | | E U R O P A T A G O |
| | matene | prelegoj kaj debatoj |

| | | | |
|---|---|---|---|
| mardo | 22 | posttagmeze | studgrupoj |
| | | vespere | resumo de la laboroj |
| merkredo | 23 | matene | akcepto fare de la urbestro en la urbodomo. Oficiala parolado de senatano Alberto Del Nero (prezidanto de la parlamenta grupo "Amikoj de Esperanto"), de la Aŭtoritatoj, de la eksterlandaj esperantistoj. |
| | | posttagmeze | LKK organizas surstratajn manifestaciojn (rajtigitaj de la polico), al kiuj ĉiuj kongresanoj (italaj kaj eksterlandaj) estas varme petataj partopreni. |
| ĵaŭdo | 24 | matene (h.7,30) | forveturo al Napoli por la tritaga postkongreso. |

EKSKURSOJ EN ROMO

Ĉiutagaj ekskursoj estas organizataj en la urbo fare de CIT (Itala Kompanio pri Turismo). La eksterlandanoj, kiuj deziras partopreni en urbaj ekskursoj dum la kongreslaboroj de Itala Esperanto-Federacio, povas elekti:

DIMANĈE(eksk.A) Vizito de Panteono, Fontano de Trevi, Foro Italico, Baziliko de Sankta Petro.

DIMANĈE kaj LUNDE (eksk.C) (postagmeze h. 15-18) Vizito de "Mosè"de Mikelanĝelo, Romiaj Forumoj, Koloseo, Baziliko de Sankta Paŭlo, "Gianicolo".

aŭ (ekskurso D) Vizito de Bazilikoj de S.Maria Maggiore kaj S. Johano en Laterano, la Sankta Ŝtuparo, Via Appia Antica, Katakomboj de S.Callisto.

LUNDE (ekskurso B ) (matene h. 9-12) Vizito de Vatikanaj Muzeoj kaj Kapelo "Sistina".

La ilustrado de la ekskursoj estos farata en pluraj lingvoj, sed ne en Esperanto, ĉar la italaj esperantistoj kongresos.

Estas antaŭvidita Postkongreso al Napoli, Pompei, Sorrento (Positano-Praiano), Capri, Anacapri.

PREZOJ - En la kongresejo "D.P." (kompleta pensiono por la tuta kongresdaŭro ekde la vespermanĝo de 19/9 ĝis la tagmanĝo (inklusivita de 24/9) - en ĉambro dulita po £.135000- unulita 165000.

Sendu la aliĝilon al FEI Via Villoresi, 38 I - 20143 Milano

---

ESPERANTO EN RADIO - Radio Roma ne plu elsendas en Esperanto dimanĉe, sed sabate je la sama horo: 20.00-20.20 GTM, per la samaj ondoj: 41.24m (7275 kHz), 41.15m (7290 kHz),31.33m (9575 kHz). Sekve,la programo ne plu estas dissendata je la sama tempo kiel tiu de la Vaticana Radio. Por informoj skribu al ĉi tiu adreso: Radio Roma, Esperanto,C.P. 320 I-00100 Roma Centro Corr., Italio.

30 ABRIL al 4 MAYO 1981

SANTAS CREUS

SAN SADURNI DE NOYA

VILLAFRANCA DEL PENEDES

POBLET

VALLS

MONTSERRAT

TARRAGONA

BARCELONA

# CONGRESO EUROPEO FERROVIARIO

# SITGES

## BARCELONA




SECCION ESPAÑOLA

Dum tiu kongreso oni prezentos rezolucion al la Landaj sekcioj por rekomendi starigon de Esperanto-kursoj, por forigi la lingvajn barojn inter la diverslandaj membroj de A.E.C.



